# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas», Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**2a jaro Septembro 1932 N-ro 17**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# PRI NUNA HISPANA KULTURIGO

Okaze de la ĵusa Nacia Kongreso de Francaj Instruistoj en Bordeaux, kaŭze de invito, la ĝenerala direktoro de Unugrada Instruado, S-ro. Rodolfo Llopis, partoprenis la laborojn de la Kongreso, kiel reprezentanto oficiala de nia Ministerio de Publika Instruado kaj samtempe de la Hispana Registaro, kaj li faris detalan elmontradon pri la laboro disvolvita de la Respubliko. Li speciale rimarkigis la raporton pri niaj ĵus naskiĝintaj pedagogiaj misioj sin helpante per filmo vidiganta, klariganta kaj vulgariganta la pedagogiajn misiojn, kaŭzante fortan allogan impreson al la instruaŭtoritatuloj kaj el geinstruistoj ĉeestantaj la Kongreson, kiuj laŭdegis la laboron kaj konsciis la grandajn altvalorajn perspektivojn, kiujn liveros ĉi tiu iniciativo de nia Respubliko: vere la franca intelektularo miregis; kaj sekvo de la mirego, de la laŭdo kaj de la konscio, estis, ke, por studi ĉi tiun hispanan kulturlaboron, oni decidis sendi al Hispanujo kvar ekspediciojn konsistantajn el kvindek geinstruistoj kaj profesoroj, je la fino de aŭgusto. Sed en Angulema same decidis, kaj ankaŭ oni decidis sendi alian ekspedicion.

La franca ministro de Publika Instruado, S-ro. De Monzie, invitis nian ministron, S-ron. Fernando de los Ríos, por precizigi la eblecojn al komuna kulturlaboro efektivigota de ambaŭ popoloj, kaj la propono de la franca ministro jam invitas al efektivigo tuja de praktika vidpunkto pri iuj kunlaboroj. Nia ministro trovis la konsenton kaj plej grandajn bondezirojn de nia Registarestro al tia efektivigo, por kiu baldaŭ oni utiligos la novan Restadejon de studentoj de Parizo, al kiu ni sendos junajn profesorojn de Institutoj, de Normalaj Lernejoj kaj geinstruistojn, ĉar celo de la ministro estas fini la konstruaĵon, kiu staras ĉe la Universitata Urbo de Parizo.

Nia ministro multe esperas de la pedagogia vidpunkto kaŭze de alia tre grava sia plano: fondi Someran Universitaton Internacian en Santander, utiligante la Palacon de la Magdalena. Oni invitos eminentajn profesorojn de fremdaj Universitatoj kaj hispanajn profesorojn por klarigi la somerajn kursojn, kaj tiel, en kunvivado dum kelke da tempo, efektiviĝos kultura interŝanĝo, kies granda efiko estas evidenta, kaj la scienca vivo ekiros novajn plej altajn vojojn: plej grandaj sciencistoj, filizofoj, historiistoj, Juristoj, k. c., de la mondo, aŭdigos sian voĉon en la aŭloj por diskonigi sian scion. La organizo kaj subtenado estos nur hispana.

Por tiu laŭdinda entrepreno, Santander estas mirinda loko kun

ekscepta situacio kalkulanta: la grandvaloran bibliotekon Menéndez Pelayo, la Institucion Valdecilla, la Maran Biologian stacion de la scienca vidpunkto, kaj baldaŭ la Prahistorian Muzeon de Santillana del Mar. Kaj ankaŭ por ĉi tiu entrepreno estos atentata la franca kunlaborado.

Sub la aŭspicioj de nia Ministerio de P. I., la Centro por Historiaj Studoj ĵus aperigis la unuan volumon de tre rimarkinda kaj gravega verko, «MONUMENTOS ESPAÑOLES» (HISPANAJ MONUMENTOJ), kiu estas granda sukceso de la Centro, kiu juste povas fieri pro ĝi. La verko havos tri volumojn; ĝi estos la vera arta inventaro de Hispanujo. La dua volumo tuj aperos. Oni sendos ekzempleron al ĉiuj lernejoj por ke la geinstruistaro efike utiligu ĝin por lernigi la geinfanojn de geografiaj, historiaj kaj artaj vidpunktoj, ĉar la verko tiel vidigas per bildoj kaj koncize klaraj kaj dokumentitaj priskriboj. De ĉiuj vidpunkto la verko estas mirinda.

Ĵus la Ministerio inaŭguris en Celorio (Asturias) restadejon por geinstruistoj, profitante malnovan jezuitejon. Ĝi hodiaŭ estas ripozejo de la Nacia Instruistaro; sed tamen en ĝi la instruistoj profitas la tempon por intensa reciproka orientiganta laboro produktonta fruktodonajn iniciativojn kaj planojn por la taskoj de la instruistoj.

La Ministerio ĵus ekefektivigis altvaloran socian entreprenon klerigan por altenigi la kulturnivelon kaj sentemon de la vilaĝanoj kaj kamparanoj, kaj ĉi laboron faras la «Pedagogia Misio» konsistanta el radioaparatoj, el gramofonoj kun kolekto da elektitaj diskoj kun muzikaĵoj de famaj hispanaj komponistoj; ofte el kinematografoj kaj el bibliotekoj, kiujn la Pedagogia Misio instalas kaj lasas en la vilaĝoj. La Pedagogia Misio kompletas la klerigan celon per cirkulanta Muzeo enkalkulanta kiel eble plej bonajn kopiojn de famaj pentroverkoj el la Muzeo de l' Prado, kopiojn de same famaj skulptitaĵoj, desegnaĵoj kaj ceramikaĵoj; per cirkulanta teatro kaj ĥoro, nomita «Barako», kies aktoraro kaj kantantaro estas geprofesoroj kaj gestudentoj, kiuj starigas la scenejon en la vilaĝaj placoj: ili ludas klasikajn teatraĵojn kaj kantas popolkantojn kaj malnovajn klasikajn romancojn; ili ankaŭ faras vulgarigantajn paroladojn pri agrikulturo, medicino, higieno, arto, k. t. p. La Barako ludis teatraĵojn de Lope de Rueda, Juan de la Encina kaj Cervantes entuziasmigante la vilaĝanarojn. Pli ol SESCENT bibliotekojn jam disdonis la Pedagogia Misio, kaj ĝi disponadas aliajn multenombrajn: normoj de ĉi Misio estas toleremo kaj respekto absolutaj pri religio; altenigo de l' etikaj valoroj ĉiamdaŭraj en la vivo de l' kulturo de ĉiuj vidpunktoj.

La Ministerio, dum unu jaro kaj duono, starigis 7.000 elementajn

lernejojn, baldaŭ, post du monatoj, ekfunkcios aliaj 3.000; same starigos multenombrajn Institutojn, 17 en Madrido, por la duagrada instruado. La plano pri elementaj lernejoj estas starigi kiel eble plej rapide 20.000, por kies konstruaĵoj ĵus la Registaro disponis la monon.

La Normalaj Lernejoj rapide transformiĝos laŭ superaj studejoj por la instruistaro. La duono el la direktoroj de ĉi instruejoj vojaĝos tra Francujo, Anglujo, Belgujo kaj Germanujo por havigi al si la metodojn, kiujn praktikas tiuj nacioj, por fari la instruistaron.

Krom la plinombrigo de institutoj, la Ministerio celas aliformigi profunde la duagradan instruadon per la jam fondita Pedagogia Fako de la Filozofia kaj Beletristika Fakultato de la Madrida Universitato; plie, devigante ĉiujn aspirantojn al profesoreco, trafi la pedagogian ateston en la Universitato ne nur per teoriaj ekzamenoj sed ankaŭ per sukcesantaj praktikoj en la Duagrada Pedagogium, kiun la Ministerio instalas en la jezuitejo de Chamartín. Ankaŭ cento da junaj profesoroj vojaĝos same, kiel la direktoroj de Normalaj Lernejoj, por sama celo en siaj medioj.

Ĉar ĉe ni okazas same, kiel en la tuta mondo, pri titolitoj de la Universitatoj, kiuj supermezuras la necesaĵojn; la Ministerio celas specialigi titolitajn laboristojn de la vidpunktoj teknika kaj praktika, per Metiaj Lernejoj.

Same la Universitatoj disvolviĝados, kaj jam en la Madrida, oni kreis 14 fakojn por elserĉado en la Medicina Fakultato; kelkajn fakojn kaj Lernejojn por Superaj Arabaj Studoj en la Filozofia Beletristika Fakultato. En tiuj de Barcelono kaj Valencio, novajn laboratoriojn, kaj en tiu de Granada Lernejon por Arabaj Studoj kun restadejo por la studentoj. Kaj ĉar Granada estas al Islama Mondo grandsignifa kaj tute interesa, la sciigo pri la malfermo de ĉi lernejo vekis grandan entuziasmon kaj intereson, kaj tial multenombraj islamanoj sin turnis al la ministro de P. I. petante ke oni sciigu kiel eble plej antaŭtempe la daton de la malfermo, de la inaŭguro, ĉar pli ol 200 eminentuloj de la Islamo (de Hindujo, Egiptujo, k. c.) deziras ĉeesti la inaŭguron, kiu okazos je la fino de septembro; la reĝo de l' Irak estas unu el la ĉeestontoj. Oni instalis la Lernejon en mudeĥara domo de la fama kvartalo *Albaicín*, nomata de la princo *Chapin*, kontraŭ la *Alhambra*.

Pri Muzeoj oni faradas grandan laboron por plibonigi kaj klasifiki ilin: tiuj de l' Prado kaj de l' Moderna Arto pliriĉiĝas eksterordinare kaj transformiĝas en Madrido; en Barcelono, la Epigrafia; en Soria, pro proksimeco al la ruinoj de la fama Numancia, la Keltibera; en Santillana (Santander), pro proksimeco al tutmondfamaj grotoj de Altamira kun plej mirindaj prahistoriaj pentraĵoj, la Prahistoria; en

Tarragona, Mérida kaj Sevilla, la Arkeologiaj por romana arto, kaj en Sagunto (apud Valencia), por greka arto. Ĵus oni aktive ekelfosadis ruinojn de tre gravaj romanaj urboj, kaj jam la Ŝtato posedas la gravegan romanan tombejon de Carmona.

Pri Arĥivoj, estas vastega kaj rimarkinda la laboro: oni kreis 32 novajn.

La arta laboro obeas teorian konscion, formulon de la ministro, S-ro. Fernando de los Ríos, kiu diras: «Al Etiko per Estetiko», ĉar la hispano facile trafas la unuan per la dua; tial oni bone atentis estetikigi ĉiun laboron. Oni fondis la Nacian Komitaton por la Muziko kun du fundamentaj taskoj: apogi kaj gvidi relative la muziklaboron de ĉiuj altvaloraj orkestroj kaj profesiaj muzikgrupoj ekzistantaj en Hispanujo, subvenciante ilin kaj partoprenante iliajn programojn devigante ilin renovigi iliajn studojn, kulturi la enlandan muzikon kaj ludi minimuman nombron fiksitan da koncertoj ĉiujare. La Komitato jam fondis la Nacian Teatron Lirikan, kiu ludas teatraĵojn senpage por la publiko alestanta ĝis la plenigo de la teatro. La aktoraro estos bazo por fondo de aliaj aktoraroj vizitontaj urbojn kaj vilaĝojn por ludi senpage. Tiel eksterordinara estas la sukceso de ĉi fonditaĵo, ke de Londono, Buenos Aires, Riojaneiro kaj Montevideo jam venis peticion por kontrakti la aktoraron kun la repertuaro de la Nacia Teatro Lirika. Sed ĉi programon la ministro ampleksigos per fondo de Nacia Teatro Drama, por kiu ankaŭ oni utiligos la klasikajn scenejojn antikvajn de Mérida kaj Sagunto por ludi en ili respektive romanajn kaj grekajn tragediojn; kompletante la vastan planon, per tuja fondo de lernejo por aktoroj laŭ la plej severaj postuloj de la teatrarto.

---

## MORESNETO!

(FANTAZIAĴO)

I

«Pacaj batalantoj» estis tiam modesta esperantista rondo fondita de kelkaj kuraĝuloj en la urbeto X*** dum la heroaj tempoj de l' Esperantismo, kiam ĉiu adepto estis notata kiel almenaŭ neofendema maniulo. Kiom da pikŝercoj, subdiroj kaj eĉ mokoj ni elportis de niaj

samurbanoj! Ni ĵetis flanken ĉion, kaj iris rekte nian vojon gvidante kursetojn, farante prelegojn, disdonante propagandilojn, k. t. p., k. t. p.

Jam, en la saloneto de tiu simpatia amikarejo, oni parolis pri sensacia aktualaĵo: pri broŝuro ĵus aperinta de profesoro Gustavo Roy titolita «*Projet d'un Etat espérantiste indépendant* (*Moresnet-Neutre*)» (1). Oni diskutis daŭre pri la efektivigebleco aŭ ne (iuj kredis ĝin tre baldaŭa), de la projekto. Iuj asertis, ke ĝia starigo ektuŝos kontraŭ nesupereblaj baroj de iaj nacioj, ĉar tia mistera Esperantujo estus suspektinda al ili. Aliaj, male, pensis, ke tia politika kreado estos bonvole akceptata, ĉar ĝi estos favora alpaŝo, por la jam en tiu tempo revata konfederacio de eŭropaj landoj. Mi aŭskultis silente; malgraŭ mia fervora optimismo pri venko de nia kara ideo, la projekto de G. Roy ŝajnis al mi nematura frukto, aŭ pli bone: bela utopio; jam pasis depost tiu tempo dudek-kvar jaroj, kaj Esperanto ankoraŭ pacience atendas la oficialiĝon!

Kiel-ajn, la ideo de memstara esperantista ŝtato ne estas en si mem frenezaĵo. La afero estas farebla; sed tamen, ĉu ĝi estas farota? Jen la temo. Ni konfesu, ke de l' *eblo* al *fakto* interspacas abismo.

La elpenso de profesoro Roy altiris maksimume la atenton de la tiamuloj. Pli ol okdek ĵurnaloj eĥiĝis pri ĝi. Iuj ŝercis; aliaj, pli-malpli, aprobis. Ne mankis ĵurnalisto, kiu konsideris la aferon, kiel amuzan anekdoton, por plenigi anguleton de gazeto je tia rakonto dum malsufiĉo da sciigoj. Kiu do ne memoras la fabeleton de la serpento de maro aŭ tiun de la manĝegemo de la ansero?

Je vero, la interesa projekto meritis pripenson. «Moresnet-Neutre» estas regiono, kie kruciĝas du ĉefaj internaciaj fervojoj. Tiu lando estas natura kunvenejo por interrilatiĝi diversnacianoj sur neŭtra ŝtateto per neŭtrala lingvo.

Iun tagon la temo estis ankoraŭ unu fojon, en la saloneto de la rondo, pri Neŭtra-Moresneto. Fermeno Montoro, entuziasma rondano, diris aplombe, ke li ekscias el bona ĉerpejo, ke ŝtateto «Moresnet» jam ne estas imagaĵo, sed vivanta fakto. Ĉiuj ni konis bone la... trograndigemon (ni forigu bonvole la vorton «mensogemo» tute maldecan) de nia simpatia «kunpacano», kaj kompreneble, ni ne povis ne ŝerci al li. Novales, la plej satirema el ĉiuj, demandis lin ĉu la estraro de Neŭtra-Moresneto kalkulis sur lin, por ke li partoprenu, kiel ministro, la regadon de la ŝtateto. Montoro sulkiĝis iomete, kaj malŝate respondis, ke li ĉiam estos sub la dispono de lia prezidanta Moŝto.

---

(1) La fakto estas certa. Tiu verketo eldoniĝis la jaron 1908an, ĉe «Librairie de l' Esperanto», tiam ekzistanta strato Montmartre, 15, Parizo. Prezo: 20 sd.

—Mi miras—li aldonis kun ironia rideto sur la lipoj—ke vi ĉiuj dubas pri realaĵo, ĉies konata, krom de kelkaj fiesperantistoj. Dum la venonta kongreso—li daŭrigis—la projekto estos pritraktata (2). Oni anoncas ankaŭ la organizon de postkongreso ĉe Moresneto je la reveno de Dresdeno. Ĉiu deziranto povas tien iri kaj konvinkiĝi per siaj okuloj (3).

Ĉio finiĝas en la mondo, eĉ la diskutoj inter esperantistoj. La duono de la deka ĵus batis ĉe la horloĝo de la saloneto; ĝi estis en X*** la vespermanĝa horo. Iom post iom la «pacanoj» forlasis la vesperkunvenon; nur mi restis tie pripensante la belan utopion. La varmo estis plumba. La kapo ekdoloris min sub la influo de minacanta fulmotondro aperanta je okcidento. Ofte, taso da nigra kafo estas al mi efika kuracileto por ĉesigi la doloron; tial mi petis la kelneron je tio; sed malgraŭ ke mi trinkis la maldormigan fluidaĵon, mi eksentis nevenkeblan dormemon. Miaj okuloj ekfermiĝis...

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

## II

Prave asertas filozofo Balmes—mi diris al mi alvenante Moresneton—ke la plej mensogema el la homoj diras dum sia vivo multe pli da veroj, ol da malveroj. La aserto estas ĝusta: jen la okazo de Fermeno Montoro. Li ne estis do mensoginta kiam certigis la realiĝon de Esperanto ŝtato en «Moresnet». Tie, antaŭ miaj mirigitaj okuloj, la urbeto kuŝis plena je ĉarmo. Eknotiĝis. La ampleksa stacidomo, konstruita laŭ bela helena stilo, prezentis impresigan elrigardon. Antaŭ ĝi, vasta markezo kribris tage la zenitan lumon tra dubeverdaj vitraĵoj. Dum la nokto ĝi fariĝis lumiga per duonkaŝitaj lampetoj inter la vitraĵaro. Ĉe la muro pendis horloĝo, kun luma ciferplato, iom simila al la francaj horloĝoj nomitaj «karteloj». Supre la ŝtone reliefa franĝo de l' fasado, elstaris lanterno-emblemo de Esperanto formata el kvinpinta stelo disradianta verdan lumon. Pli supre, la verdluma surs-

---

(2) Oni aludas la 4an Internacian en Dresdeno okazintan de la 15a ĝis la 23a de aŭgusto de 1908a.

(3) Efektive «Germana Esperantisto» (kredeble en la numero de majo) anoncis tiun postkongreson. Tamen, ĝi ne okazis. Dum la kunsido de la 21a de aŭgusto en Dresdeno, S-ro. Roy defendis sian projekton. S-ro. Ladevèze kontraŭstaris ĝin, el timo ke neinstruita popolo difektus Esperanton. D-ro. Mybs atentigis, ke la esprimo «Esperanta Stato» estas sole akceptebla, kiel metaforo. La afero do malfeliĉe malsukcesis.

kribo «Neŭtra-Moresneto» elfarita el «neon'aj» tubetoj laŭ sistemo «Moore»: ĉie la amata koloro de l' espero!

Transpasante la elirejon mi troviĝis sur la Zamenhof'a Placo bel-ornamita per rombliniaj ĝardenetoj. Meze, la statuo de la Majstro kun dediĉo: «Al Doktoro Zamenhof, bonfaranto de la Homaro». Li staras je trafa sintenado semante senlace sur la mondon semojn de frateco, de paco, de amo.

La malferma horo de la Kongreso estis proksima. Mi prokrastis la esploradon de la urbo al liberaj tagoj. Fiakristo, sufiĉe parolanta internacie, kondukis min al Akceptejo. Sur la frontono de la konstruaĵo estis jena surskribo «Al la universala paco per internacia lingvo».

De la esperantejo ni translokiĝis al Palaco de l' Esperanto staranta en la Aleo de la Nacioj. Ni enpaŝis la imponan ĉambregon por aktoj. Komencis la malferma kunsido. Nia kara Majstro (honora prezidanto) faris laŭ kutimo brilan paroladon tondre aplaŭditan. Oni cedis la parolvicon al diversaj delegitoj. Estis honoro por Hispanujo, ke ĝia delegito parolis unue. Vere mi ne estis rimarkinta la ĉeeston de mia kolego Montoro en Moresneto. Granda estis do mia surprizo kiam D-ro. Mybs, la efektiva prezidanto, faris laŭte: «Sinjoro Fermeno Montoro, el la urbo X*** en Hispanujo havas la parolpermeson. Mi ŝtoniĝis. La kara «pacano» per korekta Esperanto salutis la kongresanojn en la nomo de Hispanlando, jesis la ĉiaman fidelecon de la hispanaj esperantistoj al *netuŝebla Fundamento*, kaj finis elokventege dirante, ke la unuaj *kredantoj* pri Moresneto-Esperanto-Ŝtato, la unua kaj vera Esperantujo en la mondo, estis la loĝantoj de la modesta urbo hispana X***. Brua aplaŭdado premiis la mallongan paroladon de mia samurbano. Mi alproksimiĝis emocie al li, kaj premis forte lian manon...

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

III

Miaj okuloj malfermiĝis. Mi surprize vidis min en la saloneto de nia rondo. Apud mi staris Montoro tenante mian dekstran manon inter la siaj. Li milde riproĉis min: Kion!, ankoraŭ dormanta de la duono de la deka? La dekdua jam sonoris de antaŭ longe. Ni iru trankviligi vian familion, kiu malkvietiĝas prave, ĉar vi mankis al vespermanĝo.

Mi elvekiĝis. La kapo ne plu doloris min, sed intensa malgajo invadis mian koron, tial ke la bela Moresneto-Ŝtato estis nur sonĝo.

EDUARDO CANO

Sigüenza'o, la 9an de julio de 1932".

## LA VUNDITA ĈASISTO

*Balado el Angel Ganivet*
(1865-1898)

Ĉasist', al arbar' de l' korvoj
Vi nun iras:
Zorgu bone, ĉar sur arbo
Kaŝe sidas
La reĝo de l' korv-anaro
Pretevigla,
Elŝiri de vi l' okulojn
Per la bek' kurba kaj nigra.

—

Ĉasist' al arbar' de l' korvoj
Ĝojirinta,
Vi revenas nun malgaja,
Mortaflikta...
... ... ... ... ... ... ... ... ...
Ridete virin' rigardis
Min perfida
Kaj forkaptis mian koron
Per siaj okuloj nigraj.

—

Virino, pli ol la korvoj,
Sangavida,
Forkaptis al mi la koron
Plaĉerida.
Ho ve, mi revenas tiel
Mortaflikta,
Ĉar la mort' sidas ĉe koro
Se la vund' estas kaŝita.

*El hispana lingvo, tradukis*
VICENTE INGLADA

## EL CAZADOR HERIDO

*Balada*

Cazador que vas al bosque
de los cuervos,
ten cuidado, que en los árboles,
traicionero,
se oculta el rey de la banda
al acecho,
para sacarte los ojos
con su pico corvo y negro.

—

Cazador que fuiste al bosque
de los cuervos,
fuiste alegre y vuelves triste
como un muerto...
... ... ... ... ... ... ... ... ...
Miróme una mujer pérfida,
sonriendo,
y me sacó el corazón
prendido en sus ojos negros.

—

Una mujer más traidora
que los cuervos,
me ha robado el corazón
sonriendo.
Por eso vuelvo tan triste
como un muerto;
que aunque no se ve mi herida,
traigo la muerte en el pecho.

ANGEL GANIVET
(1865-1898)

# GRAVA PAŜO POR ESPERANTO

## EN LA

## INTERNACIA KONGRESO DE ELEKTRO (PARIZO 1932)

La Kongreso okazis de la 5ª ĝis la 12ª de julio, post 50 jaroj de la unua kongreso (Parizo 1881). Partoprenis la Kongreson proksimume 1.350 personoj, preskaŭ ĉiuj eminentaj elektristoj. La antaŭa Kongreso okazis je 1904.

Oni organizis la Kongreson sub aŭspicioj de l' Internacia Elektroteknika Komisiono (IEC), kiun oni fondis je 1906. La prezidanto de la Franca Respubliko, S-ro. Lebrun, akompanate de la ministro de P. Instruo, S-ro. De Monzie.

Laborojn kaj raportojn faris 13 sekcioj. Germanlanda prepara komitato de la Kongreso proponis raporton pri internacia lingvonormigo, verkotan de D-ro. Wüster, kaj ĝin akceptis la IIª fako («elektraj mezuroj»). La raporto, origine verkite en esperanto, ampleksas naŭ presitajn paĝojn en franca lingvo, ĉar faris la tradukon Prof. Mesny, direktoro de l' «Laboratoire National de Radioelectricité» en Parizo kaj sekciestro de la 9ª Kongresa sekcio («radio»). Wüster klarigis en sia «komunikaĵo» pri ekzisto de tri metodoj por internacia lingvonormigo: koplo de normigitaj naciaj terminoj; akcepto de internaciaj fremdvortoj, kaj akcepto de helpa lingvo natura aŭ artefarita. Li rekomendis la unuan kaj trian metodojn, sed precipe la trian PER AKCEPTO DE ESPERANTO. Speciale li akcentis la neceson, ke la Internacia Elektroteknika Komisiono (IEC) mem normigu la ESPERANTAJN ELEKTRAJN TERMINOJN, kaj estas konstatinde ke ĉe IEC ekzistas aparta komitato el sep personoj por pretigi diverslingvan oficialan normvortaron de elektro.

La 11an de julio, antaŭtagmeze, okazis la ampleksa diskutado pri la raporto de Würster, sed nur atentante la vidpunkton pri helpa lingvo, kaŭzante impreson la spertojn priparolitajn de Prof. Cotton rilate al Esperanto; same la paroloj de D-ro. Pohl, kiu, rememorigante ke Kongreso antaŭ 50 jaroj akiris mondhistorian meriton pro enkonduko de la sistemo centimetro-gramo-sekundo, la jubilea Kongreso akirus egalan meriton SERVIGANTE ESPERANTON al la ELEKTROFAKO. EĈ ESPERANTO DUFOJE AŬDIĜIS dum la kunsido pro interparolado inter Prof. Cotton kaj D-ro. Würster, kaj kiam ĉi tiu diris kelkajn esperantajn frazojn, kiujn S-ro. Aisberg tradukis al la franca lingvo. Konsekvenco estis, ke ĉiuj diskutantoj pledis

pli-malpli varme por ESPERANTO, kaj neniu rekte por la angla lingvo; pro kio, fine, la prezidanto de la kunsido, Prof. Lombardi, deklaris: Kiel membro de la vortara sepo de IEC, proponi al IEC, KE ĈI TIU ENKONDUKU ESPERANTON EN SIAN OFICIALAN NORMVORTARON, kaj la kunsido aplaŭde akceptis la proponon. Sed la diskutado ankoraŭ alportis alian gravan konsekvencon al ESPERANTO pri kiu ankoraŭ ne estas eble paroli.

Por konsciigi la gravecon de la paŝo favora al Esperanto en la kampo de la elektro estas tre bone diri, ke ĉeestis la kunsidon, kaj partoprenis la laboron krom aliaj fakuloj, la terminologoj: Prof. Lombardi (Italujo), S-ro. Janet, direktoro de l' «Laboratoire Central de l' Electricité», prezidanto de la Franca Societo de Fiziko kaj membro de l' «Institut de France»; S-ro. Chatelain (Rusujo), profesoro ĉe la Politeknika Instituto en Leningrado, eldoninto de la elektroteknikajn normojn de la Soviet-Unio; S-ro. Wallot, profesoro de la Teknika Universitato de Berlín kaj prezidanto de la «Ausschuss für Einheiten und Formelgrössen» (AEF), al kiu ankaŭ apartenas D-ro. Würster, kaj kiu fiksas la fundamentajn terminojn kaj simbolojn de fiziko (teoria kaj aplikita por la germanlingvaj landoj (Germanujo, Aŭstrio, Svislando).

Ĉeestis la kunsidon kaj partoprenis la laboron la esperantistoj: D-ro. Pohl, el Berlino, ĉefelektrikisto de AEG; S-ro. Aisberg, konata pro aplikado de Esperanto al Radio; S-ro Van de Well (Holandujo), konata vortaristo; same partoprenis la laboron S-roj. Marie, el Parizo, kiu eldonis la gravajn «Tables Annuelles de Constantes et Données Numériques»; Kennelly, kiu estas unu el plej famaj usonaj elektroteknikistoj; Cosigny, tre juna sed jam fama franca teknikisto; Emde, profesoro en la Teknika Universitato de Stuttgart.

Rimarkinde kaj atentinde estas, ke la «*Deutscher Verband Technisch-Wissenschaftlicher Vereine*» (Asociaro de la germanaj inĝenieroj, kun proksimume 100.000 membroj) preparis laŭ eblo la diskutojn, ĉar ĝi sendis al 50 germanaj partoprenontoj de la Kongreso cirkuleron kun germanlingva traduko de la raporto de Würster.

## EL MIRINDA MEZEPOKA LITERATURO POPOLA EN HISPANUJO

La mezepoka popola literaturo hispana estas abunda kaj mirinda, ĝi kalkulas multenombrajn belajn romancojn kiujn la popolo kantadis,

al tiu ĉi romancaro apartenas tiu nomata «de l' graf' Olinos», kiu hispane estas jene:

Madrugaba el conde Olinos,
mañanita de San Juan,
a dar agua a su caballo
a las orillas del mar.
Mientras el caballo bebe
el conde canta un cantar;
las aves que iban volando
se paraban a escuchar.
«Bebe, mi caballo, bebe,
Dios te me libre de mal;
de los vientos de la tierra
y de las furias del mar.»
Desde las torres más altas
la reina le oyó cantar.
—Mira, hija, cómo canta
la sirena de la mar.
—No es de la sirena, madre,
que ésa tiene otro cantar:
es la voz del conde Olinos
que por mis amores va.
—Si es la voz del conde Olinos,
yo le mandaré matar,
que para casar contigo
le falta la sangre real.
—No le mande matar, madre,
no le mande usted matar,
que si mata al conde Olinos
a mí la muerte me da.
Guarda mandaba la reina
al conde Olinos buscar,
que le maten a lanzadas
y echen su cuerpo a la mar.
La infantita, con gran pena,
no hacía sino llorar;
él murió a la media noche,
y ella a los gallos cantar.

De la momento, kiam la hispanoj starigis la respublikan reĝimon, la Ministerio de P. I. fondis la «Pedagogiaj Misioj» por klerigi la vilaĝanajn loĝantarojn: profesoroj kaj studentoj de Normalaj Lernejoj, Universitatoj, Institutoj, k. c., iras de vilaĝo al vilaĝo dum festaj tagoj kaj libertempo, kaj ĉe la placoj starigas la klasikan teatron por la popolo, ludante klasikajn teatraĵojn, kantante la klasikajn romancojn kaj popolkantojn, paroladante por renaski potence la klasikajn karakterizojn de nia granda popolo. Ni, esperantistoj, estas devigataj kunlaboradi al tiu celo kaj transdoni per esperanto al ĉiuj popoloj de la mondo la klasikajn romancojn, popolkantojn, k. c., por ke ĉi tiuj estis de nun propraĵo ĉies. Tial, jen traduko al la antaŭa romanco:

Frumatene, graf' Olinos,
tagon de l' Sanktul' Johan',
akvsatigas la ĉevalon
ĉe la bordo de la mar'.
Dume la ĉevalo trinkas,
de la graf' aŭdiĝas kant';
por aŭskulti, ĉiuj birdoj
eĉ haltigas flugon jam.
«Trinku, do, ĉevalo mia,
kaj cin savu Dia man'
el malbon' kaj teraj ventoj,
kaj el furioza mar'.»
Kaj starantan sur ĉefturo
la reĝinon trafis kant':
—Aŭdu, filnjo, kiel kantas
la sireno de la mar'.

—Ne sireno estas, panjo,
ĉar ĝi kantas laŭ malsam':
estas voĉ de l' grf' Olinos,
kiun ŝatas mi kun am'.
—Ĉu la voĉo de la grafo?
Al li mia mortkondamn'!
Vin ne povas li pretendi,
al li mankas reĝa sang'!
—Ne mortigu lin, patrino,
vin petegas mia l' am',
ĉar per morto de la grafo
estos mia kordetranĉ'!
Soldataro de l' reĝino,
forte brilas spad' kaj lanc',
iras jam mortigi grafon
kaj lin ĵeti al la mar'.
Reĝidinaj la okuloj
nur angore ploras jam:
mortis ja la graf' noktmeze;
kaj ŝi, je la koka kant'!

JULIO MANGADA ROSENORN

# LA KONSILAĈETANTO

—Sinjoro grafo—diris Patronio—: en ia urbo loĝis granda majstro, kiu ne posedis alian metion ol vendi konsilojn. La tutan tagon, li sidadis en sia butiko, kaj al tiu, kiu tien eniris, li donis konsilojn, pli aŭ malpli bonkvalitajn, laŭ la mono, per kiu oni pagis al li.

Voĝajanta komercisto, kiu transpasis la urbon, iris vidi tiun majstron, kaj petis, ke li vendu unu konsilon.

—Tre plezure mi tion faros—diris la majstro; sed vi devas al mi diri po kia prezo vi ĝin deziras.

—Donu al mi unu po *maravedí* (1)—diris la komercisto, donante al li la moneron.

La majstro prenis la moneron, gardis ĝin en la tirkesto, kaj al li diris:

—Mia amiko, kiam iu ajn invitos vin por manĝi, kaj vi ne konos la alportotajn manĝaĵojn, satiĝu per la unua alportata.

—Vi ne donis al mi grandan konsilon, diris la komercisto.

—Nek vi grandan prezon, respondis la majstro.

Tiam la komercisto al li diris, ke li donu konsilon po unu *dobla* (2), kaj la majstro, gardinte la moneron, al li parolis tiele:

(1) Maravedí=Monero, plej ofte kupra.

(2) Dobla=Ora monero. La valoro de tiuj antikvaj monerojŝanĝis laŭ la epoko.

—Amiko, kiam vi sidiĝos, okupu tian sidlokon, ke neniu rajtos al vi diri ke vi stariĝu el ĝi.

La komercisto denove diris al li, ke ne estas granda aĵo tiu konsilo, kaj la majstro rediris, ke ĝi rilatas al la de li pagata kvanto.

—Donu al mi do, unu po dek *maravedís*—diris la komercisto, al li donante la prezon.

La majstro, enpoŝiginte la monon, diris grave:

—Ne kuraĝu konsili tie, kie oni ne demandos vian opinion.

Ankaŭ tiu konsilo ne plene kontentigis la komerciston kaj li demandis unu po cent dek *maravedís*.

La majstro, post kiam li havis enmane la monerojn, parolis tiel:

—Mia amiko, kiam vi estos tre kolera, nenion diru aŭ faru ĝis kiam vi konos la tutan veron.

Ankaŭ ne kontentiĝis la komercisto pro tia konsilo, sed ĉar li pensis ke se li volas koni pli da sentencoj, li fariĝos senmona, li eliris el la butiko, konservante en sia memoro tiujn.

Kaj la komercisto iradis je siaj komercaĵoj jarojn kaj jarojn, mare kaj tere, nek revenante al la urbo, kie li estis lasinta sian edzinon, nek sendante al ŝi siajn novaĵojn.

La edzino, tre malgaja pro la nescio de la sorto de sia edzo, pasigis sian vivon vartante aj edukante filon, kiu el ŝi naskiĝis kelkajn monatojn post kiam la komercisto ekvojaĝis. Kaj tiom multe da jaroj estis pasintaj sen novaĵoj pri la patro, ke la filo fariĝis knabo kaj nigra, silkeca barbo ĉirkaŭis sian vizaĝon.

Ian tagon, la komercisto, ĉiam loĝinte en malproksimaj landoj, troviĝis sufiĉe riĉa por lasi la doloran vivon de vojaĝanto, ĝis tiam de li farita, kaj sin dediĉi al la ĝuo de la gajnita prospero, en sia naskiĝurbo, apud sia edzino. Li vendis siajn komercaĵojn kaj kun ĉiu sia havo li eniris en ŝipo ekvelveturonta por la havenurbo, kie lia edzino loĝadis.

Alveninte en sian urbon, li sola elŝipiĝis, kaj de neniu vidita li iris al sia hejmo, kie li eniris senbrue, ŝin kaŝante en malluma kaj ne loĝata ĉambro, kun la celo vidi kiel lia edzino vivas dum lia foresto.

Rigardante tra la ŝlosiltruo, li vidis ke ŝi pene kudras apud la fenestro. Sed li ne estis longan tempon en la dolĉa rigardado, kiam nekontenteco lin premis, vidante ke tio, kion lia edzino tiel pene kudris, estis vira ĉemizo.

Li jam ekeliris el sia kaŝejo, krionte kun granda kolero:

—Ni vidu, sinjorino, por kiu vi kudras tiel plezure?

Sed venis al lia memoro la konsilo aĉetita al la majstro, kaj diris al si mem:

—«Kiam vi estos kolera, nenion faru aŭ diru, ĝis kiam vi konos la tutan veron». Ni atendu, do.

Atendanta li estis, kiam eniris tra la pordo belkreska knabo, kiu proksimiĝis al lia edzino per la brakoj etendataj, kaj estis de ŝi ricevata per multe da amo kaj karesemo.

La komercisto pensis jam, ke lia edzino, kredante lin morta, edziniĝis al tiu viro, kaj tiel pensante, lin alpremis tiel freneza ĵaluzo, ke li sentis sin impulsata alkuri for de sia kaŝejo kaj mortigi la de li opiniatajn geedzojn.

—«Nenion faru aŭ diru ĝis kiam vi konos la tutan veron»—al li diris tamen, en lia interno la aĉetita konsilo.

Li atendis, do, dank' al tiu sentenco, kaj kun pligrandiĝanta kolero li vidis kiel la virino aranĝis du lokojn sur la tablo, por manĝi, kiel poste ŝi alportis el la fajrujo kaserolon kun fumiĝantaj manĝaĵoj kaj ŝi sidiĝis antaŭ ĝi, kune kun la bela junulo.

Apenaŭ povis jam sin estri la komercisto, premante inter siaj vestoj, la mantenilon de la ponardo, kiam li aŭdis kiel lia edzino diris:

—Ve, mia kara filo! Oni diris al mi, ke ŝipo venis el tiuj landoj, kie estas cia patro. Post kiam ni manĝos, kuru al la haveno kaj vidu ĉu surŝipe estas iu, kiu povas cin sciigi pri li, ĉar mi mortas pro ĉagreno nescii kia sorto estas veninta al li.

Rememoris tiam la komercisto, ke kiam li estis foriranta, estis atendata naskiĝo de infano, kiu, pro la forkurintaj jaroj, tre eble povas esti tiu junulo, kaj antaŭen puŝate de tiel plaĉa ideo, li eliris kurante el la kaŝejo kaj ĉirkaŭprenis la patrinon kaj la filon per granda karesemo kaj amo.

Rememorante, ke la konsilo aĉetita al la saĝulo, kvankam ŝajnis al li, komence, malmulte valora, al li evitis fari teruran krimon, kutimis diri la komercisto:

—Neniam mi elspezis monon pli bone uzata.

*«El Conde Lucanor», de Don Juan Manuel.* (3)

*Esperantigis:* A. N. D.

---

(3) «El Conde Lucanor» (Grafo Lukanor) verko ankaŭ konata je la nomoj «Libro de la Ekzemploj» kaj «Libro de Patronio» estas aro da fabeloj (49 entute) rakontitaj de «Konsilanto Patronio» al «Grafo Lukanor». Multaj el tiuj fabeloj devenas de Hinda fablaro «Libro de Kalila et Dimna», tradukita al araba lingvo, kaj poste pasis al modernaj fabloj de Samaniego, Lafontaine, k. c.

Reĝido Don Juan Manuel estis nepo de Ferdinando III la Sankta. Li vivis 1282-1347.

## LA ESPERANZA

Es de lamentar no saber quién es el autor de la siguiente traducción de «La Espero», de nuestro inmortal maestro Dr. Luis Lázaro Zamenhof, aceptado por el Esperantismo Universal como himno oficial:

Vino al mundo un nuevo sentimiento,
su llamada cruza tierra y mares,
y en las alas rápidas del viento
vuela ya por todos los lugares.

Sin terror ni espada, cada día,
va atrayendo a todo el que lo escucha,
y promete fácil armonía
en la tierra eternamente en lucha.

Bajo el santo signo de esperanza,
únense pacíficos soldados;
y con bríos su ideal avanza
por impulso de sus afiliados.

Fuertes son los muros seculares
entre tantos pueblos divididos;
mas caerán deshechos sus sillares,
por amores santos, combatidos.

Una lengua neutra es el cimiento.
Una idea interna lo esencial.
Bases ambas de este movimiento
de armonía ya internacional.

Nunca cesan, fieles a su empeño,
los colegas firmes en su acción,
mientras llega a término su ensueño
para eterna y santa bendición.

## LA ESPERO

En la mondon venis nova sento,
tra la mondo iras forta voko,
per flugiloj de facila vento
nun de loko flugu ĝi al loko.

Ne al glavo sangon soifanta
ĝi la homan tiras familion

al la mond' eterne militanta
ĝi promesas sanktan harmonion.
Sub la sankta signo de l' espero
kolektiĝas pacaj batalantoj,
kaj rapide kreskas la afero
per laboro de la esperantoj.
Forte staras muroj de miljaroj
inter la popoloj dividitaj,
sed dissaltos la obstinaj baroj
per la sankta amo disbatitaj.
Sur neŭtrala lingva fundamento,
komprenante unu la alian
la popoloj faros en konsento
unu grandan rondon familian.
Nia diligenta kolegaro
en laboro paca ne laciĝos
ĝis la bela sonĝo de l' Homaro
por eterna ben' efektiviĝos.

---

## INTERNACIA KONGRESO DE VIRINOJ

Ĉar en Hispanujo ĵus batis la horo, de kiam la virino estas tiel egalrajta kiel la viroj, la hispanaj virinoj estas pretaj akcepti ĉiujn virinojn de la mondo, malfermante al ili la brakojn, metante la korojn je l' nivelo de la haŭto, konsiderante ĉiujn fratinoj, por fandi en fratan brakpremon la noblajn idealojn de la virinoj al PACO, SENARMIGO, HOMAMO, PATRUJO kaj KULTURO. Pro tio la Internacia Latinamerikana Ligo de Virinoj kunvokis al V^a^ Kongreso, kiu okazos en Madrido, sin turnante al la fakoj per alvoko, kiu sekvas poste. Sed H. E. A., atentante plezure la celon de ĉi Kongreso, konsciante ĝian gravecon, ke la celo estas tute pure ZAMENHOFA kaj HELPINDA; atentante ke ESPERANTO povas efike helpi la Kongreson, kaj samtempe havigi al la Esp-MOVADO sukceson; konsiderante ke la celo de la Kongreso estas interesega al ĉiuj samideaninoj de la MONDO; H. E. A. sin metas je la dispono de la Ligo al la celo de ĝia Kongreso, disponante sian organon por ĝia propagando, petante la samideaninojn de ĉiuj landoj aliĝu, kunlaboru, sendu almenaŭ esperantan poŝtkarton se ne librojn kaj ĵurnalojn laŭ

diras la alvoko, por ke en la Ekspozicio estu ESPERANTO-FAKO kiel eble plej riĉa, abunda kaj interesa. H. E. A. petas ankaŭ ke la Grupoj, Asocioj kaj ĉiuj Institucioj de nia Movado sendu simpatian esprimon oficialan, ke ili faru propagandon pri la Kongreso, diskonigu ĉi tiun, interesigu Instituciojn, Asociojn, ĉiajn Organizaĵojn por la celoj de la Kongreso fari la samon kaj sendi librojn kaj ĵurnalojn se eble kun la oficiala komunikaĵo, des pli bone se ĉi tiu estus en Esperanto. H. E. A. petas ĉiujn esperantajn gazetojn represi ĉion kio koncernas la gravan Kongreson, ĉar laboro ĉies devas esti helpi ĝin elpruvante utilon de ESPERANTO, precipe kreita de la MAJSTRO al la celo de la Kongreso. De ni dependas, ke tiu Ligo Latinamerikana fariĝu vere tute INTERNACIA PERE DE ESPERANTO. Jen la alvoko:

«Klera kamaradino: Jam ekzistas en Hispanujo Respubliko, kaj plie, kun la mirinda konkero egaliganta la du seksojn rilate al civilaj kaj politikaj rajtoj. Hispanujo ne volas sin enfermi en si mem timema konsciante venenaj la fremdajn progresigantajn aŭ reakciajn ideondojn. Tio, kion ni celas, estas, ke la virinoj de ĉiuj landoj venu al Hispanujo je Majo de tuj venonta jaro (1933), kiam ni trafas la idealan zeniton.

»Plenumante la decidon de la lasta Kongreso de la Ligo, ni decidis, ke la kvina okazu en Madrido, dum la monato Majo (oni fiksos ĝustatempe la tagojn) kaj samtempe kun la Kongreso estos Ekspozicio el libroj kaj ĵurnaloj verkitaj ekskluzive de virinoj, kaj por la disvolvo kaj efektivigo de ĉi grandaj celoj, ni bezonas la altvaloran kunlaboradon vian, kiun ni petas al vi nun kun kiel eble plej baldaŭa respondo.

»Ankaŭ ni petas, ke kiam vi respondu, vi bonvolu sendi al S-ino. María Edilia Valero—strato Ayala, 50, Madrido. Hispanujo—, noton pri la virinaj organizaĵoj ne enkalkulitaj en la akompananta listo; sciigu nin ĉu vi estas preta helpi nian laboron celante ke via Registaro interesiĝu al nia laboro kaj subvenciu por rikolto de libroj kaj ĵurnaloj kaj por ĉi tiujn sendi al Madrido kaj rehavigi al si de Madrido; konigu nin ĉu vi ŝatas la temojn ĉi kunajn kaj esprimu vian opinion ĉu la Kongreso devos ilin pritrakti. Ankaŭ ni ŝatus, ke vi bonvolu diri al ni ĉu en via urbo estas virino, kiu deziras disvolvi iun el la temoj. Kore vin salutas.» Subskribas la alvokon eminentulinaro de Hispanujo, Francujo, Portugalujo kaj Amerikaj Respublikoj.

# TEMARO DE LA LATINAMERIKANA LIGO DE VIRINOJ POR LA Vª KONGRESO

Reformoj al la Regularo de la Ligo kaŭze de la nuna progreso.

Forigo de la milito.

Paco kaj senarmigo.

Malaperigo de la prostituado.

Ĉar jam en iuj landoj la virino estas civile kaj politike tiel egalrajta kiel la viro, ĉu estos efike, ke tio ankaŭ estu milite, t. e., partopreni la militservon por plej bone celi absolutan pacon? Kiamaniere efektivigi tiun rajton?

Kunlaborado por trafi, ke ĉiuj popoloj reprezentataj en la Ligo de Nacioj sendu al ĝi rajtigitaj virinoj, kiel ĉiam faras Uruguajo kaj iufoje Hispanujo, por celi plej bonan garantion al la paco kaj por atingi solvi malagrablajn problemojn interpopolajn per interpopola arbitracio per pacaj tribunaloj.

Procedoj por fari ke la Ligo kaj ĝiaj fakoj estu kiel eble plej efikaj por ke sola sama sento regu tuton kaj partojn: la Ligo estu tute por ĉiuj fakoj; ĉiuj ĉi tiuj por la Ligo.

Disvolvigado de l' feminismo ĝis nuna stato: la virino en la sciencoj kaj en la artoj, kaj progresoj alportitaj de ŝi al ili.

Feminismo en Eŭropo, Azio, Afriko kaj Oceanio.

La virino kaj la edziniĝo. Alkonformigo de la nova vivo al la progreso de la universala juro.

Feminismo en Hispanameriko.

Politika rajto de la virino: Avantaĝoj kaj malavantaĝoj.

La virino en la domo, en la kamparo, en la lernejo, en la laborejo kaj en la urbo. Disvolvo plej humana kaj plej utila por ŝi kaj por la homaro de la virinaj kapabloj.

Latinamerikana literaturo de la virino. Evoluo kaj ĝiaj plej altvaloraj figuroj.

Kiajn organizaĵojn oni devas krei por eduki kaj instrui la virinon pli bone ol oni faris ĝis nun.

La virinlaboro kiel rimedo por ŝia sendependigo.

Karieroj kaj oficoj plej taŭgaj kaj konvenaj por la virino.

Starigo de familiaj tribunaloj en Eŭropo kaj Ameriko por juĝi infan-knab-gekulpulojn.

Intersanĝo de familianoj-geinfan-knaboj- de Eŭropo kaj Ameriko. Procedoj por disvolvi la interŝanĝon kun celo al plej granda alproksimiĝo kaj interfratiĝo de l' individuoj kaj popoloj.

# XXIV UNIVERSALA KONGRESO EN PARIZO

Pro multenombraj aliĝintoj dum lastaj tagoj pli ol 1.600 gesamideanoj ĝin ceestis el 36 nacioj. Rimarkinde estas atentigi pri kongresvojaĝo de estona karavano pere de aŭtobuso, ĉar estas imitinda praktika procedo starigita de Esperanta Turista Komisiono de Estonio por turismo, aplikante kaj profitante esperanton: la karavano travojaĝis tra Latvio, Litovio, Libera Dancigo, Germanujo, Belgujo ĝis Parizo, kaj de ĉi tie, tra Svisujo kaj Germanujo k. c. al Estonio. La vojaĝo efikis de la propaganda vidpunkto kaj estis multe pli malkara kaj ĝojiga ol fervora vojaĝo.

Dimanĉon 31an de julio okazis la malferma kunsido en la plenplena amfiteatro de la Sorbono, sub prezido de p-ro. Odo Bujwid, prezidinto de la Universala Kongreso de la pasinta jaro, kaj li, ĵus parolinte pri Parizo, Pasteur—kiu estis lia profesoro—kaj pri l' mortinta franca prezidinto Doumer, murdita de rusa reakciulo, petante elstariĝon je la honormemoro de la murdito, proponis la estraron por la XXIV^a^: honora prez. S-ro. André Baudet, eksprezidanto de la Pariza Komerca Ĉambro; efektiva prez., S-ro. Warnier; vicprez., S-roj. generalo Bastien, Arehdéacon, Robertson, kaj aliaj; konstanta ĝenerala sekretario, S-ro. Kreuz; ĝener. sekretarioj, S-ro. Newell kaj Marchand; sekr., S-roj. Conteau kaj Dubois; vicsekr., F-ino. Bonnet.

S-ro. Daudet salutas kaj dankas oficialajn reprezentantojn de la Prez. de la Franca Respubliko, de la franca Registarestro kaj de la ŝtatoj kaj naciaj societoj, kaj deziras ke Parizo postlasigu ĝojigan rememoron al gepartoprenantoj. (La muzikistaro ludas). Sekve parolas S-ro. Warnier rememorigante pri la Majstro, pri la unua Kongreso en Boulogne-sur-Mer, kiun li ĉeestis; pri la 10^a^ Kongreso je 1914 koincidante la malfermon kaj fermon pro la eksplodo de la mondmilito; pri la progres de esperanto kaj kore bonvenigas kaj bondeziras la gekongresanojn. France li dankas ĵurnalistaron.

La prez. de la I. C. K., S-ro. John Marchant, salutas je la nomo de la tutmonda esperantistaro Francujon, k. c.; deziras ke la franca reprezentanto oficiala transdonu kordankojn de la Kongreso al Prez. Lebrún; petas al oficialaj reprezentantoj de ŝtatoj laboron por enkonduko de esperanto en la lernejoj; elmontras valoron de la unua Universala Kongreso kaj instigas al la konstanta laboro por sukcesigo de esperanto. Sprite li parolas pri Francujo kaj ĝia lingvo, finante per konstato ke nian batalon por starigi esperanton tempo kronos sukcese.

Reprezentantoj de la Ligo de Nacioj kaj de la registaroj belga, brazila, ĉeĥoslovaka, germana, lienchtensteina, nederlanda, norvega, pola kaj rumana, salutas kaj bondeziras. (Denove la muzikistaro ludas).

S-ro. Kreuz citas la reprezentitajn korporaciojn, el ili, multenombrajn komercajn ĉambrojn de diversaj landoj. Poste la reprezentantoj de la Naciaj Societoj, estinte nia klera kaj vigla samideano S-ro. Escartín nia salutinto. (Ree la muzikistaro ludas).

S-ro. Warnier dankas la reprezentantojn en esperanta lingvo kaj france la ĵurnalistojn; kaj post transdono de rozbukedo al S-ino. Tuschinski, kiu spite de sia granda maljuneco kuraĝis veni de Dancigo al Parizo, S-ro. Warnier dankas franclingve la muzikistaron, kiu fine ludas la Esperon kiun kantas la kongresanaro.

La muzikistaro je la komenco ludis la francan nacian himnon. La malferman kunvenon ĉeestis proksimume 3.000 personoj, el ili estis duono da esperantistoj.

## LABORKUNSIDOJ

Kio por la unua? Sub prezido de S-ro. Merchant la 1an de aŭgusto, antaŭtagmeze. Legado de salutoj kaj komunikoj. Pruvo pri facila lernebleco de esperanto per paroladeto de F-ino. Niermann el Köln (Germanujo), kiu lernis la lingvon dum tri monatoj, trafante senpagan aleston al la Kongreso. (Instruistino 52 jara, preskaŭ elĉerpita de longa laborado en sia lernejo, S-ino. Ludovikino Rodríguez, lernis dum DUDEK TAGOJ—unu horo po tago—). Parolado pri «Arto individua kaj kolektiva» de D-ro. Olŝvanger. Legado de salut-telegramoj kaj paroladeto de samlandano nia de Valencia je la nomo de la urbestraro de ĉi urbo, komunikante decidon nomi straton per nomo de la Majstro kaj petante helpon por la Natursciencia Muzeo de la Universitato de aVlencia, kiu cindriĝis.

La IIa okazis ĵaŭdon, la 4an de aŭgusto,, ankaŭ antaŭtagmeze. 100 ĉeestantoj, proksimume, el 1.600! Pritraktado de oficialaj raportoj (kiuj aperas en la dokumentaro ricevita de ĉiu kongresano). I. C. K. ne havis deficiton pro adaptado de laboro al enspezoj. Rimarkigo pri la mondvojaĝo de S-ro. Scherer. S-ro. Merchant dankas S-ron. Kreuz pro la bonega laboro de li farita.

Raportas S-ro. Schoofs pri Konstanta Reprezentantaro de Nacioj, preskaŭ absolute li diras pri la kolektado de kotizoj pagitaj de naciaj societoj por Internacia Centra Komitato (I. C. K.), 3.512 sv. fr. por 1931.

Parolado de S-ro. Favrel pri pasinta kaj estonta radiolaboro.

Dum 1931, 126 sendstacioj en 26 landoj disaŭdigis pli ol 2.000 esperantajn aŭ pri esperanto disaŭdigojn.

La diskutado pri la raportoj rezultigas opiniojn de S-ro. Applebaum, kiuj konsideras la raporton de I. C. K. pesimisma; S-ro. Applebaum trafe rimarkigas, ke la raporto ne tuŝis la gravan kaj spiritan problemon de la reorganizo de la tutmonda movado. S-ro. Kreuz sciigas, ke la afero pri reorganizo disvolviĝas en kunsidoj de K. R. kaj de U. E. A. komisiono, kaj ke lia interveno estas post la konkludoj nur; ke la raporto ne estas pesimismo. Kaj pri ĉi afero S-ro. Merchant esprimas fidon al bona sukceso, kvankam la esperantistoj, laŭ S-ro. Venture, estu reprezentitaj de *du estraroj* (*nacia societo* kaj U. E. A.).

Ĉar pastro Font Giralt ne alvenis ĝustatempe por la malferma kunsido, li salutas je la nomo de la Komerca Ĉambro de Gerona kaj de Int. Katolika Unuiĝo Esperantista, kiu ne volas perdi kontakton kun la tutmonda Esp-Movado; li kuraĝe kaj trafe atentigas al serioza laboro kvankam la esperantistoj ŝatu ludilon, ĉar rezultato de serioza laboro estos fruktodono kaj plej ĝojiga ludilo, kiujn al esperantistoj manon en mano, kiel membroj de unu verda familio, per senlaca kunlaborado certe trafos spite de la nuntempa krizo.

S-ro. Bourdillon salutas je la nomo de la Reĝa Instituto por Internaciaj Aferoj en Londono, kaj esprimas sian deziron al absoluta unueco, celkonscia laboro kaj precizan gvidadon; S-ro. Krysta kaj F-ino. Lidja Zamenhof atentigas pri neceso zorgi bone korektan pronocadon; D-ro. North prave petas ke ĉiu kongresano rajtu ĉeesti kunsidojn de K. R. kaj de la Ĝenerala Estraro por aŭdi kaj instruiĝi, sed S-ro. Merchant opinias esti preferinda laboro en malpli granda rondo de la elektitaj reprezentantoj, kaj S-ro. Schoofs rimarkigas, ke K. R. ne rifuzis iun, se iu volis ĉeesti kunsidon de K. R. kaj finas S-ro. Kreuz, konstatante, ke la kunsidoj ne estas publikaj, ĉar la plimulto de la kongresanoj ne estas voĉdonrajtaj deputitoj, kaj legante saluton kaj komunikante pri okazontaj prelegoj. S-ro. Merchant fermas la kunsido, dankan la kritikojn.

La III$^{a}$ okazis vendredon, 5an, kaj ĝi estis rapida, pri U. E. A., Lingva Komitato kaj Akademio. Ke li resaniĝu baldaŭ! La raporto pri U. E. A. estas *pesimisma* D-ro. Lippmann faris raportojn de la L. K. kaj de la Akademio, ĉar bedaŭrinde la prezidanto S-ro. Marden estas malsana; ankaŭ raportas profesoro Grosjan-Maupin («Komuna Vortaro»), S-ro. Rollet de l'Isle (Teknikaj Vortaroj). Ĉiujn raportojn entenas «Oficiala Raportaro» kaj utile estas legi ilin.

Okazis akcepto solena de la kongresanaro en la urbodomo, en granda kaj luksega salono. La kongresanoj vizitis la palacon.

Sabaton, 6an de aŭgusto, proksimume je la 10 ½ h. antaŭtagmeze, okazis la ferma kunsido, kiun malfermas S-ro. Merchant: S-ro. Jung dankas kaj invitas al Kongreso en Köln; F-ino. Kleinberger invitas al Mondtendaro de Skoltoj por 1933 en Budapest; S-ro. Isbrücker al vizito de fabriko Stork en Hengelo (Nederlando); S-ro. Schoofs donas informojn pri rabatiloj tra Belgujo senpage haveblaj, proponas sendi saluttelegramon al S-ro. Warden; S-ro. Warnier rekomendas, ke I. C. K. sin turnu al Internacia Oficejo por Eŭropo kun la celo atingi rabatojn por kongresvojaĝoj, mencias pri la 70-80 helpintoj de L. K. K., kaj diras, ke Walter Ruttmann, konata filmisto, estas favora al Esperanto; S-ro. Favrel konigas deziresprimojn de radiofak-kunveno, kaj S-ro. Fethe proponas rezolucion sendotan al filmproduktistoj; S-ro. Allende sin montras ĝojoplena dank' al tre bona aranĝo de la Kongreso kaj esprimas dezirojn por ke L. K. K. ĉiam havigu al kongresanoj la rabatilojn 15 tagojn antaŭ la malfermo de la Kongreso kaj ke la monŝanĝejo montru per tabuloj la kurzon por la diversaj valutoj ĉiutage; kaj pastro Font Giralt petas, ke la Kongreso dankesprimu S-ron. Michaux, kunorganizinto de la Iª Universala Kongreso de Esperanto en Boulogne-sur-Mer; S-ro. Kreuz legas deziresprimojn de la radiofakkunveno kaj informas ke I. C. K. sin turnis al 21 filmkompanioj kaj agentoj pri uzo de Esperanto, kaj ke nur respondis 3, du negative kaj unu diplomatie; S-ro. Spielmann raportas pri fakkunveno de poŝtistoj, telegrafistoj kaj telefonistoj. Fine S-ro. Merchant prezentas rapide staton nunan de la Esp-Movado, dirante ke la Kontrakto de Helsinki estas nuligita, sed ke ĉio restas en sama ordo antaŭa ĝis kiam la elektita komisiono estu fiksinta la novan organizon, kaj ke S-roj.: Dubois (de la Franca Societo por P. de E.), Hovorka (de Aŭstria Esp-Asocio), Goldsmith (de Brita Esp-Asocio), Schmalzl (de Germana Esp-Asocio), Canuto (de Itala Esp-Instituto), Schoofs (de Belga Esp-Asocio) kaj Malmgren (de Sveda Esp-Asocio), formas la Komisionon; ekkrias li kelkajn huraojn kaj adiaŭs kun fido «Ĝis revido en Kolonjo»!

Rimarko: Kunveno de la Konstanta Reprezentantaro de la Naciaj Societoj (K. R.), jaŭdon la 4an de aŭgusto elektis la Komisionon por ellaborado de taŭga projekto pri reorganizo de la tutmonda Esp-Movado. La Komisiono tuj eklaboris post la Kongreso, dum sabato kaj dimanĉo, sed ĝi ne ankoraŭ sciigis la rezultojn; tamen, laŭdinde estas ke la Naciaj Societoj prenis sur sin la taskon al reorganizo, ĉar ili estas plenrajtaj al tio, ĉar ili estas la firma bazo de nia movado, lasante plenan liberecon al U. E. A. kaj al aliaj organizaĵoj. Espereble baldaŭ ni scios la rezultojn de la laboro.

Pri la cetero de la Kongreso ni jam parolos sed ni rimarkigas: *oni konstatigis ke se nian IXan Nacian Kongreson ne malfermus la Prezidanto de nia Respubliko, k. c., ni estus malsukcesontaj; sed, kion diras hodiaŭ tiuj opiniintoj ĉar eĉ nek franca ministro prezidis la malferman kunsidon de la XXIV Universala Kongreso? Komparu nian rapide organizitan IXan Kongreson de H. E. A. kun la ĵus okazinta Universala, ĉar komparo parolas grave kaj favore je ni.*

---

## AL LA SAMIDEANARO

H. E. A. liveras:

«Mia Poezio», de Rafael de San Millán. 37 mirindaj poemoj, 64 paĝa, 12 $^1/_2$ × 17$^1/_2$. Prezo: por la membroj de H. E. A., 50 centimojn el peseto; por ne apartenantaj al H. E. A., 75 centimojn el peseto; por FREMDULOJ, 50 centimojn el svisa franko.

«La kreitaj profitoj», de Jacinto Benavente, traduko de S-ro. Vicente Inglada, Akademiano. 96 paĝa, sama formato je la antaŭa verko. Prezo: por membroj de H. E. A., 75 centimojn el peseto; por ne heaanoj hispanaj, unu peseton; por FREMDULOJ, 75 centimojn el svisa franko.

FREMDULOJ trafos trionon de rabato mendante DEK EKZEMPLEROJN.

«Universala Terminologio de la Arkitekturo», de Francisco Azorín, mirinda verko kun pli ol 2.000 bildoj, esperantaj klarigoj, kun traduko en ses, sep eĉ ok lingvoj, eldonita kajere, abonebla po SES SVISAJ FRANKOJ, jam presitaj OK KAJEROJ, disdonitaj SES, abonanto ricevos tuj ĉiujn presitajn.

Ankaŭ H. E. A. liveras belajn esperantajn insignojn: tre bele emajlita kvinpinta steleto kun vela verda koloro sur arĝenta disko. Prezo: Unu peseto.

Por mendo, bonvolu vin turni al S-ro. Mariano Mojado, Sekretario de Hispana Esperanto-Asocio, strato Abascal, 13, Madrid: *sed ĉiam estas nepra antaŭpago por liveri la menditaĵojn; la monon sendu al* S-ro. Mojado.

RIMARKO. Samideanoj, petante informojn, nepre devos akompani siajn leterojn kun poŝtmarko por la respondo kaj ricevi la informojn.

# PRI LA BERBEROJ

*(Daŭrigo)*

Dum ĉiuj epokoj, la samaj tradiciaj trajtoj kaj karakterizoj persistadas neŝanĝeble en la berbera gento, ĉi tiuj postvivis laŭ nedetruebla forto spite de la influoj de ĉiuj almilitintoj, speciale de la araboj.

Same dum tempo de la koloniigo kartaga, kiel dum la roma, kiel dum la bizantina kaj vandala, kiel dum la araba, la plej granda kaj supera fundamento de la berbera gento estas libereco kaj egaleco, kaj la principo restadas firme kaj unuece.

Pri la situacio de la virino en la berbera popolo, per multenombraj faktoj historiaj oni konstatas ŝian ameman kaj ĉarman sed fortan kaj penetrantan influon: tiel kaj tial, la almoravida sultano *Yusef-ben-Tachfin* starigis la mirindajn palacojn de Marrakesh por *Zeineb*; famiĝis la heroa *Lala-Fatma*, la mistera reĝino *Dahia*, nomita *Kaĥina*, kiu estis filino de *Tabeta* kaj nepino de *Tifan* el klera kaj altranga berbera familio; kaj same famiĝis multaj aliaj virinoj, kiuj evidente vidigas la potencan virinan influon.

Fama historiisto *Ben-Kjaldun* diras, ke la *Beni-Iraten* asertas esti branĉo de ilia familio la *Beni-Abd-Essamed*, kiuj donis al ili, laŭ rajto, estroj kaj militestroj, el kiuj, dum la tempo, kiam sultano *Beni-Merin-Abu-El-Hassen* konkeris Marokon, virino nomita *Chimci* komandis la berberojn.

Je 739, *Abu-Abd-Errajman-Yakub*, filo de sultano *Abu-El-Hassen*, forkuris el la *Metidya*, kie lia patro starigis la tendaron; sed oni rimarkis rapide la forkuron, kaj oni kaptis la forkurinton, kiun la patro malliberigis kaj mortkondamnis. Sed servisto el plej malaltaj de la palaco havis grandan similecon kun la princo, kaj profitante la similecon, li sin prezentis al la potenca tribuo *Beni-Iraten*, dirante, ke li estas la princo *Abd-Errajman*, trafinte forkuri el la malliberejo. La reĝino *Chimci* akceptis lin gasteme ĉe si mem kaj kunvokis la maljunulojn kaj militistojn de la tribuo proponante al ĉiuj submeton al la princo kaj ĉi tiun helpi por milito kontraŭ lia patro, la sultano. Ĉi tiu, konsciinte la gravecon de la afero, celis, per lertaj senditoj al la tribuoj *Beni-Iraten*, kaj per grandvaloraj donacoj al altranguloj kaj filoj de *Chimci*, havigi al si la fiprincon; sed *Chimci* rifuzis kaj kontraŭstaris ĉion sin pretigante heroe batali kontraŭ la sultano. Tamen, hazardaĵo malkaŝis al la kuraĝega virino la veron pri la aventuremulo, kaj ŝi, akompanate de siaj filoj kaj plej altrangaj militistoj de la tribuoj, sin prezentis al la sultano petante pardonon por sia ribelo, kiun ŝi atingis, kaj tiel alte la sultano taksis la agon de *Chimci*, ke ĉi tiu kaj ŝiaj akompanantoj ricevis riĉegajn donacojn de la sultano.

Dum la tre malproksima tempo, kiam la berbera gento estis plej potenca, estis multenombraj la sultaninoj, princinoj kaj virinoj, kiuj briladis rimarkinde en ĉiaj postenoj por militkomando, por administrado kaj por politiko.

Sciite estas de ĉiuj historiistoj kaj studintoj de la berberoj, ke dum militoj, multenombrajn batalojn gajnis la berberoj dank' al partopreno de mistera rajdantino sugestianta magie per ŝiaj belo, fulma rigardo kaj kuraĝaj alparoloj kaj atakanta freneze la malamikojn, gvidanta la batalantojn per belega ŝalo de sur lanco sangeltrempita. Dum la tragikaj tagoj, kiam la fulmo de la milito lumigas la tribuojn, virinoj junaj kaj maljunaj cirkulas inter la vicoj de batalantoj tenante potojn kun nigra koloraĵo por marki ĉe la dorso per nigra franĝo ĉiujn forkurantojn eĉ tiujn, kiuj iniciatis la forkuron.

Pri la sindonemo de la berbera virino, oni povas multe pridiri, elpruvante precize ŝian grandan emon al ĉio inda je amo. Diras la malnova kroniko de *Abu-Zarcaria*, ke en la regno de *Tabert*, sub dinastio de la *Rostemides*, vivis respektinda sciulo, nomita *Abu-Meridas*, kiu ĉiam estis en granda enprofundiĝo pri siaj sciencaj problemoj, forgesante ĉion koncerne la terajn mizerojn. Li ne militis, li ne komercis, kaj li estis tre malriĉa kaj apenaŭ havis maton por kuŝejo kaj ĉifonojn por sin vesti kaj kovri siajn konsumitajn muskolojn. Sed printempon, kiam ĝardenoj abunde floriĝas kaj floraro eldisigas frenezigantaj parfumojn, kiam la najtingaloj kantadas amon en la branĉoj de foliplenaj arboj, la sciulo pensis subite edziĝi por ke bela kunulino ĝojigu liajn longajn kaj tedajn horojn de soleco kaj senhelpo; kaj tial ke li ne sciis pri la arto de la amindumo, li komisiis al bona sia amiko por serĉi la edzinon. La komisiito travojaĝis tutan *Yebel-Nefus* kaj renkontis gracian fraŭlinon kun granda beleco serena kaj meditanta, pro kio li faris proponon al ŝi: ĉi tiu, sciinte ke la estonta edzo estas fama sciulo kvankam maljuna, sindone, heroe akceptis la proponon, forlasante ĉian agrablaĵon de l' juneco por fariĝi la lumo kaj la ĝojo en la mizera hejmo de la maljunulo, kaj ŝi fariĝis unu el plej eksterordinaraj famaj virinoj de la tribuo.

La berbera virino ne nur morale alten tenis sian rangon, sed ankaŭ intelekte sian bonfamon. Ankaŭ *Abu-Zacaria* diras, ke la berberoj de *Tajert*, sur regado de *Abd-Errajman-ben-Rostem*, havis grandan kulturon. Dum ĉi tiu glora tempo de la berberoj, nokton, la princo *Abd-el-Ujab* kaj lia klera fratino diskutadis pri interpretado de heredoj, kaj ili antaŭ ol la tago ekfariĝis mirinde eksakte kalkulis la orientajn kaj okcidentajn heredojn. Krom la famega poetino *Aicha*, kiu konkuris

sukcese kun plej grandaj doktoroj de l' Islamo, oni povas certigi ke eĉ nun la berbera kulturo apartenas ĉefe al la virinoj.

Duveyrier, en sia rimarkinda verko pri la *Tuareg de l' Nordo*, diras ke la tradicia instinkto de la berbera virino estas tio kio konservis pure la antikvan berberan idiomon, ĉar lo viro, dediĉite al la milito kaj kulturo de la kampoj ne povos atenti la edukadon de la infanoj, kaj la virino estas kiu formas kaj fortigas la animon de la idaro, konservante la medolon de la raso tute sendifekta kaj potenca.

* * *

Iuj komentariistoj, studinte la situacion de la berbera virino, eraris grave, kaj estas dece detrui tiujn erarojn. Ĉi tiuj verkistoj, prezentante la berberan virinon tute sensignifa kaj senvalora socie, ripetante ke la berberino antaŭ la patro, antaŭ la edzo kaj antaŭ la frato, nur estas kvazaŭ pasiva komercaĵo, malkongruas kun la aserto pri respektego kaj adoro de la berbero al la berberino; kaj eĉ estas aŭtoro, kiu certigas, ke la berberino estas kvazaŭ io netuŝebla, sankta, tiamaniere, ke la plej malgranda ago ŝin malrespektanta estas tuja kaŭzo por plej sangelverŝantaj venĝoj.

Certe, la berberoj havas krudan kaj mallarĝan toleremon pri ĉio koncernanta la indecon de la virino; la *horma*—honoron—kaj la *anaia*—protekton—oni konsideras netuŝeblaj. Ĉi tiu respekto al berberino havas tiel profundajn kaj firmajn fundamentojn, ke se ĉe plej barbara kaj kruela luktado virino sin intermetas inter la batalantoj tuj fariĝas la halto de la armiloj; kaj ĉi principo estas tiel potenca, konstanta kaj firma, ke se iu ajn ekcelus ne respekti ĝin, la tuta tribuo venĝeme kruele sin ĵetus en la atencanton.

En la afrikaj tribuoj, oni konsideras la virinon malforta estaĵo inda de protekto, kaj ĉi tio sendube puŝis la aŭtorojn por starigi, ke la berberino estas kvazaŭ sklavino. Jen epizodo okazinta antaŭ ne multe kiu elpruvas influon de la virino: terure kruele berbero murdis alian; la fratoj de la vidvino celis malkaŝi la murdinton kaj ili sukcesis, kaj, kaptinte la murdinton, ili sin prezentis kun li al la fratino por mortigi lin ĉe la pordo de la domo de la murdito. Kolera pala, venĝavida, kun tragike lumigataj pupiloj elradiantaj demonaj kvazaŭ fulmoj, la vidvino atendis la venĝon. La fratoj de la vidvino terure vundas la murdinton; ĉi tiu, mortvundite, penis angore rampi al la vidvino kaj tuŝante bordon de ŝia vesto ekkrietis: —Mi paetegas vian *anaia'n* (protekton)!

La vidvino deprenis rapide de sur ŝi vualon kaj ĉi tiun ŝi ĵetis sur la murdinton kaj ĉi tiu estis pardonata.

(*Daŭrigota.*)

# LA POESIA HISPANOARABE

El poeta Abul Beka se lamenta de la pérdida de Córdoba y Sevilla en los siguientes versos. Este poeta había nacido en Ronda. En su época empezó la elegia.

## A LA PERDIDA DE CORDOBA Y SEVILLA

(FRAGMENTO)

Cuanto sube hasta la cima
desciende pronto abatido
al profundo.
¡Ay de aquel que en algo estima
el bien caduco y mentido
de este mundo!

---

En todo terreno sér
sólo permanece y dura
el mudar;
lo que hoy es dicha y placer
será mañana amargura
y pesar.

---

Es la vida transitoria
un caminar sin reposo
al olvido;
plazo breve a toda gloria
tiene el tiempo presuroso
concedido.

---

Hasta la fuerte coraza
que a los aceros se opone
poderosa,
al cabo se despedaza
o con la herrumbre se pone
ruginosa.

---

¿Con sus Cortes tan lucidas,
del Yemen los claros reyes
dónde están?
¿En dónde los Sasanidas
que dieron tan sabias leyes
al Irán?

---

¿Los tesoros hacinados
por Karún el orgulloso,
dónde han ido?
¿De Ad y Temud, afamados,
el imperio poderoso
dó se ha hundido?
... ... ... ... ... ... ... ... ...

El decoro y la grandeza
de mi patria y su fe pura
se eclipsaron;
sus vergeles son maleza
y su pompa y hermosura
desnudaron.

---

Montes de escombro, y desiertos,
no ciudades populosas,
ya se ven.
¿Qué es de Valencia y sus huertos?
¿Y Murcia y Játiba hermosas?
¿Y Jaén?

---

¿Qué es de Córdoba en el día,
donde las ciencias hallaban
noble asiento,
do las artes a porfía
por su gloria se afanaban
y ornamento?

---

¿Y Sevilla? ¿Y la ribera
que el Betis fecundo baña,
tan florida?
Cada ciudad de estas era
columna en que estaba España
sostenida.

---

Sus columnas por el suelo.
¿Cómo España firme ahora
podrá estar?
Con amante desconsuelo
el Islam por ella llora
sin cesar.

---

Y llora al ver sus vergeles
y al ver sus vegas lozanas
ya marchitas,
y que afean los infieles
con cruces y con campanas
las mezquitas.
... ... ... ... ... ... ... ... ...

ABUL BEKA
(*Traducción de Juan Varela.*)

# LA HISPANARABE POEZIO

Poeto Abul Beka, naskita en Ronda (provinco Kadiz, Hispanujo), esprimas per la sekvantaj versoj sian bedaŭron pro la perdo de Kordobo kaj Seviljo, almilititaj de l' kristanoj. En tia epoko komencis la elegio.

## AL LA PERDO DE KORDOBO KAJ SEVILJO
(FRAGMENTO)

Kiu ĝis la pint' suriras
baldaŭ falas al malloga
abismego;
ve, al kiu ja sopiras
kun dezir' pri la mensoga
mond' bonego.

—

Por la surtera estaĵo
nur la ŝanĝ' daŭras eterne
kaj rigore;
kio estas agrablaĵo
nun, morgaŭ iĝos alterne
tre dolore.

—

La vivo ĉiam bedaŭra
senhaltan marŝon atestas
al forgeso;
ekzisto mallongedaŭra
por la glor', de l' tempo estas
la promeso.

—

Eĉ la kiras', kiu glavon
forpuŝas ĉe nia brusto
tre utile,
de l' tempo ne trovas savon
kaj rompiĝas pro la rusto
tre facile.

—

Kie estas la kunsidoj
de l' Jemen'aj kleraj reĝoj
kaj sultan'?
Kie nun la Sasan'idoj,
donintoj de saĝaj leĝoj
al Iran'?

—

De Karuno la kolera
la trezor' amasigita
neniiĝis;
kaj la imperi' fiera
de Ad kaj Temud' kreita
jam finiĝis.
... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

De mia land' religio
grandanimec' kaj honoro
degeneris;
la ĝardenoj ja nenio
estas nun, eĉ la bonkoro
malaperis.

—

Kion iĝis la juvela
de Murcio fruktodona
la ĝarden'?
Kaj Valencio la bela?
Kaj Ĥatiba la tre bona?
Kaj Ĥaen'?

—

Kaj la Kordobo iama
kie la scienc' briladis
tre intense?
Urbo iam la plej fama
tie la artoj vivadis
multe dense.

—

Kaj Seviljo, vera krono
kies bord' river' sin vidis
tiel riĉa?
Ĉia urb' estis kolono
kie mia lando sidis
tre feliĉa.

—

La kolonoj renversitaj
nun Hispanujo doloras
malsukcese;
kampoj estas senprofitaj,
Islamo pro tio ploras
ja senĉese.

—

Ĝi ploras ĉar senarbigas
tro daŭra malpac' po miloj
la arbojn,
kaj kristanoj malbeligas
per krucoj kaj sonoriloj
la moskeojn.
... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

(*Trad.*: FERNANDO REDONDO).

# IMPORTANTE AVISO

Es de todo punto necesario, en primer lugar, cumplir el Reglamento en lo que atañe a la constitución del núcleo directivo, y para ello es imprescindible que en cada región los miembros de H. E. A. se dirijan a los actuales vocales regionales, a fin de nombrar los TRES por región, que determina el nuevo Reglamento, votado por el reciente Congreso de Madrid. Como todos los miembros de H. E. A. reciben la Revista, por este aviso se les comunica la dirección de los vocales regionales, para que a éstos se dirijan, bien ratificando a los existentes y ampliando al tercero y al vacante o vacantes, bien para nombramiento de los tres. Es preciso se tenga en cuenta que este es el primer paso necesario para después ampliar los cargos del núcleo central directivo, conforme al Reglamento, pues actualmente son los vocales regionales los que deben proceder al nombramiento de los cargos nuevamente establecidos y de los que estuviesen vacantes.

Son actualmente vocales regionales:

*Castilla la Vieja.*—D. Venancio Girao. Calle de Vista Alegre, 5. Santander.

*Asturias.*—D. Honorato Moncalvillo. Por Avilés en Trasona (Asturias).

*Galicia.*—D. Salvador Oliván. Calle de Fernando Villamil, 57. Ferrol (Coruña).—D. Antonio Porta. Médico. Calle de Arce, 6. Ferrol (Coruña).

*León.*—D. Miguel Carreras. Médico. Fuentes de Navas (Palencia).

*Extremadura.*—

*Andalucía.*—D. Francisco Azorín. Calle de Claudio Marcelo, 18. Córdoba.—D. Carlos Martínez. Estación Plaza de Armas. Vías y Obras. Sevilla.

*Valencia.*—

*Cataluña.*—D. José Anglada. Sitjas, 3. Barcelona.

*Aragón.*—D. José Carnicer. Calle de Manuela Sancho, 17. Zaragoza.—D. Félix Sisón. Agustina de Aragón, 9. Zaragoza.

*Vasconia.*

*Murcia.*—D. Antonio López Villanueva. Vergara, 11. Murcia. D. Desiderio González. Paseo del Marqués de Cervera, 25. Murcia.

*Navarra.*—Srta. Amalia Núñez Dubús. Mayor, 48. Pamplona. D. Diómedes María Soto Gallardo. Maestro de Cabanillas (Navarra).

*Castilla la Nueva.*—

Para mejor y más rápida solución del asunto, los heaanos de Galicia deberán dirigirse a D. Antonio Porta; los de Andalucía, a D. Carlos Martínez, dado el mucho trabajo que pesa sobre nuestro samideano Azorín; los de Extremadura, y puesto que actualmente no existen los vocales regionales, a D. Nicolás de Pablo (Parque de Intendencia) o D. Santiago Vázquez (Arco Agüero, 56), en Badajoz; los de Valencia, por tampoco tener actualmente dichos vocales, a D. Francisco Máñez (San Francisco, 4), en Cheste (Valencia); por la misma razón, a D. Teodoro Elizondo (Torre, 2) y D. Víctor O. de Allende, Ingeniero de la Diputación Provincial, en Bilbao, y a D. Eugenio Lunate (Horacio Echevarrieta, 15), en Baracaldo (Vizcaya).

Como Castilla la Nueva tampoco tiene actualmente sus vocales regionales, se convoca a los heaanos que lleven un año cuando menos en H. E. A. para que el TERCER MIERCOLES de septiembre se reunan en el local propio, calle de Chinchilla, 2, principal izquierda, a las diecinueve y media, para proceder al nombramiento de dichos vocales.

Urge que los samideanos de H. E. A. procedan inmediatamente para cumplimentar cuanto acordó el último Congreso en cuanto atañe a la constitución del solo frente esperantista en todo el territorio nacional, pues H. E. A. no puede proceder sin haber establecido antes su vida normalmente sobre la base que el Reglamento marca, pues de otra suerte sería saltar por todo lo estatuído.

Conviene se tenga muy presente que en toda región en que haya corto número de heaanos, no es esto obstáculo a la existencia de vocales regionales, pues el Reglamento determina que hasta por derecho propio es vocal regional el único esperantista afiliado a H. E. A., o son los dos o tres primeros heaanos hasta tanto haya varios y procedan a la elección.

Como no sería posible continuar en la forma actual, si en el transcurso de la aparición de este aviso hasta fin de septiembre, los heaanos de alguna o algunas regiones no hubiesen procedido a dicha elección, la Junta Central Directiva procederá al nombramiento provi-

sional de vocales regionales, eligiendo los más antiguos en las respectivas regiones, y comunicando el nombramiento a los demás.

La elección será comunicada a la Junta Central Directiva antes de finar septiembre, para dar a conocer el resultado en la Revista de octubre y proponer para los cargos nuevos y vacantes en la Junta Central Directiva.

Madrid, 31 de agosto de 1932.—*El Secretario*, MARIANO MOJADO.—V.° B.°: *El Presidente*, J. MANGADA ROSENÖRN.

## RIMARKO

KIAM ĈI GAZETO APERU KUN 32 PAĜOJ, LA TERMINOLOGIO DE S-ro. AZORIN NE ESTOS DISSENDATA.

BALDAŬ, DUM ĈI MONATO, APEROS LA BROŜURO KOMPLETANTA «¿Qué es el Esperanto?», KAJ ĜI ENTENOS EKZERCOJN DE D-ro. ZAMENHOF KAJ VORTARETON. AMBAŬ BROŜUROJ KUNE BINDITAJ FORMOS KOMPLETAN SIMPLAN POSGRAMATIKETON TRE MALKARAN KAJ TAŬGAN POR FRUKTODONA PROPAGANDO FAROTA DE HEAANOJ KAJ GRUPOJ. LA VERKETO ESTOS KVARDEK DU PAĜA KROM INTERESA VERDA KOVRILO. LA ELDONO ATINGOS LA NOMBRON DA DEKDUMIL SPECIMENOJ.